Jaro X. Julio 1927. No. 3.

Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA. (V. L. E.)

# VEGETARANO

Oficiala Organo de la INTERNACIA VEGETARA UNIO (I. V. U.)

**Nova Adreso:** Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II, Germanujo.

Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

**Belgujo** (B 4.—): S-no Yvonne Colijn, Ruststraat 52, Rue du Repos, Ukkel-Uccle apud Bruselo, poŝtkonto 119 935

**Ĉeĥoslovakujo** (kč. 25.—): S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.

**Danujo** (dkr. 3.—): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., Kopenhago-K.

**Estonujo** (Emk. 300.—): F-no Helmi Dresen, postkast 6, Revalo (Tallinn).

**Francujo** (ffr. 20.—): F-no Cécile Royer, 14 Rue des Carmes, Parizo V, poŝtkonto Parizo 25 777.

**Germanujo** (Rm. 3.—): La redaktanto, poŝtkonto Hamburgo 31 883.

**Grandbritujo** (ŝ. 3/—): S-no Margaret Blaise, „Bonveno", Manor Way, Headstone Lane, Harrow apud Londono.

**Hungarujo** (P. 4.—): S-ro Bihari Mór, ĉe Szerderit, Telep-u. 14, Budapeŝto VII.

**Latvujo** (Latoj 4.—): S-ro Edgaro Grot, Elizabetes ielâ 9, dz. 33, Rigo.

**Nederlando** (fl. 2.—): S-no Catharina J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Hago.

**Svisujo** (sfr. 4.—): S-ro Paul Enz, Tellstr. 24, St. Gallen.

**Sovjetunio** (Rub. 1.50): S-ro Stanislaw Szabuniewicz, poŝtkesto 663, Moskvo.

**Usono** (dol. 1.—): S-ro Karl Fröding, 602, Seventh Street, Rockford, Illinois.

El la landoj necititaj oni sendu rekte al la redaktanto la egalvaloron de 4 svisaj frankoj. La kuponoj de UEA estas akceptataj kaj estu uzataj prefere ol nacia mono. Pago per spesmilbiletoj: Sm. 1.50. Ne pagu per poŝtmandatoj; ĉar ili kaŭzas kurzan perdon.

Anoncoj pri vegetaraj manĝejoj kostas la egalvaloron de dek svisaj frankoj.

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Ĝia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

La ĝenerala sekretario kaj kasisto de VLE estas nune Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II., Germanujo. Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parenecelaj eldonaĵoj.

## La naturleĝo de saniĝa krizo.

De Pastro **Edgaro Model**, Rigo.

Kiel ĉie en la granda mastrumo de la naturo, same ankaŭ en la korpo de la homo ekzistas konsumantoj de putraĵoj: bakterioj, baciloj, mikroboj.

Kie la korpo estas malpurigita per kontraŭnatura agado (kontraŭnatura nutriĝo, vestiĝo, loĝado ktp.), enradikiĝas bakterioj. Per sia cirkulado la sango alportas al ili la tutan provizon da venenoj kaj putraĵoj devenantaj de materiŝanĝo de histaro. Post kiam prilaborita, konsumita estas de la bakterioj ĉi tiu provizo, ili formortas pro malsatego meze de abundego da propraj putrigaj venenoj. Ili estas subtilaj incitvenenoj kaj kaŭzas brulumojn kaj altan febron. Kio nun aperas, estas la krizo de la malsano.

Se la malsanulo de nun transiras al laŭnatura vivfreŝa nutraĵo (vegetara krudmanĝo), li estas savita por ĉiam.

Kiam, kontraŭe, iumomente antaŭ la krizo la sango estas satigata per fremdkorpo aŭ veneno (medikamento), kiu pli forte efikas ol la subtilaj incitvenenoj de la mortantaj bakterioj, tiam la malsano ne estas kuracata, sed nur subpremata, kaj de nun ĝi fariĝas kronika. Ĝi dormetas en la korpo, ĝis kiam la venenoj denove sin tralaboras kaj la malsano reaperas en la sama aŭ alia formo. Kronikaj malsanoj estas subpremitaj kaj en la korpo ripozantaj akutaj malsanoj, kiujn oni povas efektive kaj por daŭro kuraci nur per la aperigo de ilia akuta formo de la krizo.

Ĉi tiu leĝo de saniĝa krizo estas instruita unue de Hipokrato, la patro de kuracarto. Prießnitz (prisnic) malkovris ĝin denove kaj bazis sur ĝin la naturmetodon de kuracarto.

El latva lingvo esperantigis
Edgaro Grot.

---

## Eterna vivo.

Kion religioj promesis dum miloj da jaroj, pri kio revis profetoj kaj fantaziuloj de ĉiuj epokoj, kio ŝajnis ĉiam neebla al la racio, tamen restis kiel kredaĵo por granda parto de la homaro, tio estas nun promesata de la scienco. Ne eterna vivo en la ĉielo; pri tio la scienco nenion scias, sed sur la tero. Kaj vi ne bezonas morti por ĝui ĝin. Tute kontraŭe, vi bezonas ne morti, kaj tio estas nun atingebla, almenaŭ teorie. Ne ridu, ĉar la malhelpaĵoj, kiuj povos aperi en ĝia praktika efektiviĝo, estas ĉiuj kontroleblaj, laŭ nia nuna scio. Iu ajn, kiu volas, povas do praktiki la eternan vivon: la demando estas nur: ĉu li trovos la rekompencon sufiĉe valora por igi lin fari la necesajn klopodojn kaj venki la aperontajn malhelpaĵojn?

Multaj legantoj nun sendube pensas, ke mi freneziĝis. Eble jes, mi eĉ kredas, ke mi estas iom freneza, postulante, ke la nuna generacio kredos min kaj serioze okupiĝos pri tiaj fantaziaĵoj. Tamen vi povas trankviliĝi. Mi ne serioze kredas tion. Sed povas esti, ke la senkompata neceso mem devigos ilin. La malsaniĝoj estas nun tiom oftaj, ke la homoj simple devas serĉi novajn rimedojn: la malnovaj — medikamentoj, seroj, operacioj — certe ne taŭgas. Tamen la ebleco forigi la malsanojn kaj la morton, diras iu, ĉu tio ne estas utopio? Bone, lasu min klarigi.

Kio estas vivo? Aŭ ni faru alian demandon, pli facilan: kio estas viva korpo? Viva korpo estas korpo, en kiu la sango moviĝas, en kiu la metabolismo funkcias. Se oni povas daŭrigi la movon de la sango, kaj la kemian transformiĝon en la ĉeloj, oni per tio garantias al la korpo eternan vivon.

Restas do al ni alia demando: pro kio malsaniĝas iufoje la korpo, kaj pro kio ĝi mortas? Ĉiuj kleraj kuracistoj kaj fiziologoj nun konsentas, ke la malsanoj ne venas kiel malbonaj spiritoj, kiuj ruze atakas la sanan korpon kaj fine venkas ĝin en la morto; sed ili ĉiuj scias, ke la malsanoj, kaj la morto mem, estas kaŭzataj de malbonaj substancoj en nia korpo, kiuj malhelpas la kemian transformiĝon, la sangofluon kaj la tutan laboron de la korpo tiel, ke finfine la korpo ne povas daŭrigi la tro pezan laboron kaj simple strikas.

Feliĉe la korpo havas rimedojn por defendi sin kontraŭ tro frua morto. Ĝi emas forigi la malbonajn substancojn el la korpo per malvarmumoj, per erupciaj malsanoj, febroj kaj ĉiuj akutaj malsanoj. Se oni lasas ĝin trankvile labori, ĝi tiamaniere kuracas sin mem. Sed la homoj nuntempe ne havas tempon atendi tion: ili cetere ne scias, kio okazas. Ili volas nur forigi la malsanon, aŭ la simptomojn, tio estas al ili egale, kiel eble plej rapide, eĉ se ili per tio mallongigas la vivon. Tamen ili ne saniĝas, la kvietigita malsano denove vekiĝas, en alia formo. Novaj rimedoj, novaj kuracistoj, malsanulejoj ktp. senfine. Ili certe ne kuracas sin rapide.

Multe pli rapida estas la natura kuracado. Per ĝi la korpo estas purigata de malsanaj substancoj; la vera kaŭzo de la malsano estas forigata, kaj neniu veneno estas postlasata. Se oni komencas uzi bonan manĝaĵon, la korpo riparas sin mem sufiĉe rapide. Ĉar la ĉeloj ne estas tiel longvivaj. La molaj partoj de la korpo estas eble tute renovigataj en unu jaro, la malmolaj, kiel ekzemple ostoj, ungoj, haroj, daŭras kelkajn jarojn. Tiel ekzemple pri la kapharoj ni scias, ke ili povas vivi ses jarojn, ke ili dum tiu tempo kreskas proksimume unu metron, aŭ potage 0.456 mm. Ili nun ne atingas tiun aĝon, ĉar ili estas tondataj. Same la ungoj. Nur la ostoj povas atingi 5 ĝis 7 jarojn. Do ĉiu el ni estas nur unujara. Kaj ĉiujare ni konstruas novan korpon. Sufiĉas nur esti bona konstruanto kaj uzi bonan materialon, por ke la korpo daŭrigu senŝanĝe.

Vivi tiel bone estas arto ne lernebla en unu tago. Sed kiu lernas, tiu estas bone rekompencata. Kiuj lernas nur duone, ili vivos longan tempon; sed ili mortos — unujaraj!

La demando certe estas studinda. Novaj demandoj pri tiu temo estas ĝoje respondataj de la aŭtoro. Diskutu la temon inter konatuloj. Kaj ni vidos.

Karl Fröding,
Rockford, Ill., Usono.

---

**La vestaĵoj de la sinjoroj.**

En la lastaj jardekoj la vestaĵoj de la virinoj ĉiam pli multe tendencis al simpleco kaj pureco, kaj la nuna vestaĵo almenaŭ dum la somero jam forte proksimiĝas al la banvestaĵo. Oni vidas, ke la junularo, kiu ne volas kaŝi sian korpon sub peza kaj malbela amaso da kovraĵoj, regas la modon.

Ju pli videbla estas la korpo, des pli pura oni tenas ĝin. Se la vestaĵo vidigas la nudajn brakojn ĝis la ŝultro, la brakoj certe devas ankaŭ esti lavataj ĝis la ŝultro, kaj tial la moderna vestaĵo faras tian agrablan impreson de pureco. Tio ne malhelpas, ke homoj, kiuj neniam bezonis tian motivon, por teni sin puraj, daŭrigos siajn kutimojn. Sed ili estas malpli multaj, ol oni ĝenerale pensas.

Nun estas la vico de la viroj, ŝanĝi sian vestaĵon. Por ili la afero estas pli malfacila; ĉar multaj el ili laboras en kondiĉoj, kie ĝuste pro pureco ili devas vesti sin komplete, por malhelpi, ke ili mem malpuriĝu ĉiuminute.

Unu vira vestaĵo tamen eble baldaŭ suferos ŝanĝon: la pantalono. Tiu krurvestaĵo, kiu kaŝas la stangoformajn krurojn kaj faras el normalformaj kruroj kvazaŭ elefantajn krurojn. En Parizo oni intencas, enkonduki krurvestaĵojn, kiuj malsupreniras nur ĝis la genuoj, tiel ke la malsupra parto de la kruro estos vestita simple per ŝtrumpoj.

Espereble la nova modo disvastiĝos kaj tendencos plue al simpligo kaj normaligo. Ankaŭ la sinjora kolvestaĵo estas reforminda, kaj ĝenerale estas ankoraŭ tre longa la vojo, ĝis kiam la vira vestaĵo estos same bona kaj bela, kiel la virina.

Sed la komenco estas farita, kaj ni deziras al ĝi progreson.

---

**Superstiĉo.**

Tre pia viro kutimis preĝadi ekster sia rifuĝejo, en la ĝardeneto, kiu ĉirkaŭis lian kabanon. Ĉiumatene, laŭ hinda rito, li bruligis malgrandan fajron, antaŭ ol profundiĝi en siajn preĝojn. Tiu viro havis amatan katon, kiu ankaŭ siaflanke lin amis, kaj ĉiutage, kiam la mastro genufleksiĝis, humiliĝante antaŭ sia dio, la kato sin frotis kontraŭ li, interrompante lian meditadon. Kion do faris nun la hindo? Iutage, por eviti la ĝenon, li ŝnurligis la katon al la piedo de sia lito kaj rekomencis siajn religiajn ekzercojn.

La viro mortis, kiel okazas al ĉiu el ni. Post lia morto la popolo paroladis pri lia pieco, pri lia boneco, pri ĉiuj bonaj ecoj, kiujn li en si kunigis, kaj oni celis lin imitadi.

Tiam liaj najbaroj komencis preĝadi ekster siaj kabanoj. Sed tre baldaŭ kelkaj el ili ekmemoris, ke ilia modelo ĉiam havis en sia proksimeco katon, kiam li profundiĝis en meditoj. Tial la kato estis evidente necesa. Ĉiu loĝanto de tiu loko do havis katon kiel akompananton, kiam li preĝis.

Post iom da tempo oni ekmemoris, ke la kato de la modela virtulo ĉiam estis ŝnurligita ĉe la piedo de la lito. Mallonge, post kelka tempo oni forgesis ĉion necesan kaj esencan, kaj ĉio, kio restis en la memoro de tiuj samurbanoj, estis la kato. Tiam ili limiĝis al la ceremonio, ŝnurligi la katon ĉe la piedo de la lito, kaj la preĝoj jam tute estis forgesataj. Nur la kato nun prezentis la meditojn kaj preĝojn de tiu, kiu en antaŭa tempo estis modelo por siaj samurbanoj.

Jen kio estas la superstiĉo. Oni forgesis ĉion, kio prezentis realaĵon en la dogmo, kaj konservis nur la flankaĵon, kiu havas nenian esencan rilaton al la meditoj kaj preĝoj.

Vegetaranoj! Zorgu, por ke via vegetarismo ne fariĝu simila al la ŝnurligado de la kato al la lito!

Laŭ la hispana „Acción Naturista"
trad. O. B.

---

La paco inter aviduloj estas nur packontrakto ĉiutage en danĝero esti disŝirata de malsategaj pasiuloj.

Emil Mai.

### Dialogo pri Area Reformo.

Interdiskutas propagandanto pri area reformo kaj terimposto kiel solimposto kun vendejoposedanto.

Vendisto: Al mi via ideo pri solimposto ne estas tute klara. Mi komprenas, ke vi plendas, ke la luprezoj estas tro altaj.

Propagandisto: Ho ne, vi ne komprenas ĝuste. Mi ne okupiĝas pri la alteco de la luprezoj; sed mi okupiĝas pri tio, kiu estas la ricevanto de la lupago.

V.: Kial tio koncernus min?

P.: Pro la sama motivo, pro kiu mi ne pagas fakturon al kasisto, se mi ne scias certe, ke li estas respondeca pri la afero kaj ke mi ne devos pagi denove, ĉar li ne transdonis la monon al sia firmo.

V.: Mi ne vidas la interrilatojn inter tiuj du aferoj. Mi lupagas al la viro, kiu posedas la areon (grundon). Mi scias, ke efektive li estas la posedanto, kaj mi estas kontenta. Nenion plu mi bezonas scii aŭ pripensi.

P.: Vi devus okupiĝi pri unu plua afero. Vi devus certiĝi, ke la parto de la lupago, kiu korespondas al la areo (ĉar tio, kio korespondas al la domo, estas nur interezo je la kapitalo investita) transiru al la impostkasisto.

V.: Sed kial do tio koncernus min?

P.: Por ke vi ne bezonu pagi vian lupagon dufoje.

V.: Ho, pri tio mi bone atentas. Mi ĉiam konservas la kvitancojn.

P.: Ĉu oni altigis vian luprezon, kiam finiĝis via lukontrakto? V.: Jes. P.: Kial?

V.: Nu, oni motivigis la plialtigon per tio, ke la publika akvotubaro, la subtera fervojo, la parkoj kaj multaj aliaj publikaj aranĝoj plialtigas la valoron de la area proprajo.

P.: Efektive. Kaj ĝuste pro tio vi pagas dufoje pli da mono. Unufoje vi pagas pli altan luprezon al la areposedanto pro tiuj ĉi aferoj, kaj due vi pagas tiujn aferojn denove per la impostoj, kiuj servas por tiuj publikaj aranĝoj.

Vi ne plendas pri tio. Sed mi, la aĉetanto de viaj komercaĵoj, plendas; ĉar viaj duoblaj elspezoj devigas vin, plialtigi samgrade viajn prezojn. Vi plendas pro la malfacileco de la negocoj; sed vi ne vidas, ke la duobla imposto estas la kaŭzo. Mi postulas, ke la mono, kiun vi pagas al via areposedanto pro la situo de tiu ĉi vendejo, fluu en la publikan trezorejon, por ke per ĝi estu pagataj la akvotubaro, la subtera fervojo kaj ĉiuj publikaj aranĝoj, kiuj altigas la valoron de la areo. Tiam vi ne bezonus pagi al du kasistoj: la domposedantoj kaj la impostkasisto, kaj tiam vi ne bezonus postuli tiom altajn prezojn.

El „Commonwealth" laŭ L. D. Beckwith en la revuo „The Forum", Stockton, Kalifornio, Usono.

Trad. O. B.

### Ne fidu la gazetojn.

Kelkfoje la gazetaro raportas sen iu ajn motivo pri ekstravagancoj de konataj vegetaranoj. En la Londona gazeto „Star" oni diris, ke „la Maison Dorée fariĝis la renkontejo de multaj famuloj. Mi tie vidis Bernardon Shaw, kiu ĝuis manĝaĵon por li vere bonan. Arturo certigis al mi, ke li manĝis kaviaron".

La angla revuo „Vegetarian Messenger", el kiu la sciigo estas prenata, sendis tiun ĉi gazetinformon al Shaw, kaj li respondis: „Tio estas pura kaj simpla mensogo. Mi neniam estis en la Maison Dorée. Mi neniam gustumis kaviaron. Vi povas senhezite refuti ĉiujn asertojn, ke mi ĉesis esti vegetarano. Mi estis vegetarano dum 47 jaroj, kaj mi firme intencas, morti en fideleco."

### Georgo Bernardo Shaw.

Antaŭ kelkaj jaroj Shaw, kun sia karakteriza ŝercemo, diris, ke li kaj Tolstoj estas la solaj vegetaranoj, pri kiuj la ĝenerala publiko povas interesiĝi. En la revuo „Academy" Shaw, kiam li estis malsaneta, skribis:

„Mia situo estas tre serioza. Oni promesas al mi la vivon je la kondiĉo, ke mi manĝu bifstekon. Mia plorantan familio ĉirkaŭas min, proponante bovrilon (angla viandsuka ekstrakto) kaj similajn preparaĵojn. Sed la morto estas pli bona ol la kanibalismo. Mia testamento jam enhavas programon por mia enteriga ceremonio, dum kiu sekvos mian kadavron ne funebraj veturiloj, sed aroj da bovoj, ŝafoj, porkoj, kortbirdoj kaj malgranda akvario da vivantaj fiŝoj, ĉiuj kun blankaj bantoj je la honoro de la viro, kiu pereis prefere ol manĝi siajn kunkreitaĵojn. Escepte je la arkeo de Noao, la prezentaĵo estos tute unika en la mondo."

Laŭ „Vegetarian News".

### El multaj landoj.

**Litovujo.** En la universitato de Kaŭno jam organiziĝis Studenta Vegetara Societo, kiu celas propagandi vegetarismon inter la studentaro. Enskribiĝis ĝis nun dudeko da vegetaranoj. Prezidanto estas A. Krausas. La societo aranĝas dufoje en monato kunsidojn, kie oni legas referatojn, diskutas ktp. Jam okazis tri kunsidoj, kie paroladis Krausas, D-ro Ingilevičius kaj Butkus (pri Esperanto kaj vegetarismo). Ankaŭ nestudentoj, anoj de la Litova Vegetara Asocio vizitas la kunsidojn. Printempe oni aranĝis ekskursojn.

**Svisujo.** Nia samideano Maria van Rees fondis en Äschi, Kantono Berna, vegetaran pensionon en Chalet Sternheim. Taga prezo proks. sfr. 7.—. Mirinda naturo.

**Argentino.** S-ro Antonio Barrot skribas: Kvankam mi estas vegetarano nur de du jaroj, mi prenas la aferon eble pli serioze ol aliaj, kiuj sin nomas vegetaranoj kaj tute ne komprenas la moralan valoron de vegetarisma ideo por la homara bono.

Buenos Aires antaŭ kelkaj jaroj, rilate al intelektaj movadoj, estis simpla granda vilaĝo. Pro enmigrado ĝi fariĝas la dua plej granda urbo latina en la mondo; sed ne same rapide kreskis etikaj valoroj, kaj rilate al vegetarismo (kiel al multaj aliaj aferoj) nia urbo estas ankoraŭ granda vilaĝo.

La movadoj kreitaj de ĉitieaj tiel-nomitaj naturistaj profesoroj ĝenerale servas unuavice al ilia persona propagando; tamen ni devas aprobi tiun sistemon, ĉar ĝi multe efikas por disvolviĝado de vegetarismo.

Krom kelkaj malgrandaj vegetaraj grupetoj ekzistas nia ĉefa societo „Instituto de Biocultura", kiu serioze intencas, grandskale propagandi nian aferon tra nia tuta lando. Tri vegetaraj revuoj aperas regule: „Vivir!", „Salud y Cultura" kaj „Vida Nueva" el Rosario. Dum somero apud la rivero „Rio de la Plata" okazas grandaj kunvenoj de vegetaranoj, kiuj per siaj manĝaĵoj, ludadoj kaj sintenado altiras la ĝeneralan atenton de promenantoj. Jen efika propagando de vegetarismo. Vegetaraj manĝejoj bedaŭrinde ankoraŭ ne ekzistas en nia urbo. —

**Diversaĵoj.**

Angla bestprotekta societo fiksis premion por la plej bona angla esprimo trovebla, por karakterizi en unu vorto personon, kiu restas indiferenta pri suferoj de bestoj. La premion gajnis la vorto „pitilacker". En Esperanto la afero estas pli simpla. La ideo esprimata per tiu ĉi nova vorto estas plene spegulata per nia tute simpla kunmetaĵo „senkompatulo" aŭ per la pli uzata formo „nekompatemulo".

Laŭ la statistikoj de la Usonaj Asekursocietoj proksimume unu miliono da homoj atingis pli longan vivon, ol laŭ meza vivlongeco de antaŭaj jaroj, post la enkonduko de la usona leĝo pri alkoholmalpermeso. Dek societoj per tio entute ŝparis 383 milionojn da dolaroj. (Laŭ la dana Abstinulgazeto „Afholdsbladet" represita en Vegetarisk Tidsskrift). —

La vegetaranino Hedwig Eichbauer, Hamm-Sieg, Germanujo, eldonis en lingvoj Esperanta kaj germana flugfoliojn pri libertempaj vojaĝoj internaciaj de gejunuloj. Demandojn akompanu respondkupono.

En Lokarno (Svisujo) okazas en aŭgusto tutmonda kongreso pri Edukadreformo laŭ libereca direkto. Ĝenerala sekretariejo de la movado: 11 Tavistock Square, Londono W. C. 1, fraŭlino Clare Soper, Anglujo. —

Magnus Schwantje, la iniciatinto kaj gvidanto de la internacia Ligo por radikala Etiko, festis la 3. 6. 27 sian 50an naskiĝtagon, kaj je tiu okazo oni faris al li honorelmontrojn, kiuj vidigis, ke tre granda estas la aro da personoj celantaj paralele kun li.

La germana Ligo de Militkontraŭuloj (absolutaj rifuzantoj de armeservado) havas nun la adreson de la sekretario Alfred Oehmke, Gr. Hamburgerstr. 4, Berlino N. 24, Germ.

La adreso de la Unuiĝo de kontraŭvivisekcaj Kuracistoj estas: D-ro med. Riedlin, Herrenalb, Württemberg, Germ.

La sveda vegetara revueto Folkhälsans Vän (Amiko de Popolsaneco) raportas, ke en la turka ĉefurbo Angora vivas la plej maljuna virino de la mondo: Fatme Hanum, kiu laŭraporte havas 160 jarojn. Ŝi devenas el la iam turka, nun bulgara urbo Trnovo. Ŝi naskis dek infanojn, la lastan, kiam ŝi estis naŭdekjara. —

Antaŭ nelonge, dum kunsido de la Kontraŭuloj de Vivisekcado en Londono, okazis brua sceno. Kiam Bernardo Shaw volis ekparoladi, ducento da medicinstudentoj interrompis lin per bruego de knariloj, fajfado kaj buŝharmonikoj. Shaw diris: „Demandu do la simplan popolon, kial ĝi tiom timas la malsanulejojn! Vi bone scias, kion ili timas, nome: ke oni eksperimentos per ili!" Nun la bruego fariĝis tia, ke Shaw ne povis daŭrigi.

---

Oni babilas pri amo kiel beno kaj benas kolombojn kuŝantajn rostitaj sur telero, por esti manĝataj per tranĉilo kaj forko.

Emil Mai.

---

Buĉado al bestoj, bestbredado por la celo, ke tiuj bestoj estu manĝataj de Di-similaj homestaĵoj, tiu ĉi buĉado estas nedisigeble ligita kun hombuĉado.

Emil Mai.

**La Praktiko.**

(Melodio laŭ germ. popolkanto „Venas birdo".)

Ni oftege parolas
ho, pri amo kaj ver',
kaj volonte ni volas
la ĉielon sur ter'.

Sed paroli kaj agi,
tio estas ja „du".
Ni ne devas imagi
progresadon per bru'.

Do, kun ĝoj' al laboro
por la bon' de l' homar',
ke la amo en koro
elmontriĝu per far'.

Catharina Roskes-Dirksen.

---

**Internacia Junularkunveno en Freusburg (Sieg), Germ.**

De la 8-a ĝis 14-a de aŭgusto okazos en Freusburg kunveno de disciplinema pacema junularo, pri kiu oni petu detalojn en Esperanto de Hedwig Eichbauer, Hamm a. Sieg, Germanujo.

La iniciato de la aranĝo venas de la Ligo por radikala Etiko, tiu ligo, kiu jam de multaj jaroj batalas kontraŭ vivisekco, milito, alkoholo, viandmanĝado. Ĝia prezidanto, Magnus Schwantje, antaŭ nelonge festis sian 50an naskiĝtagon.

Ĉiu partoprenanto en la junularkunveno prenas sur sin per sia aliĝo la devon, ne konsumi viandon, tabakon kaj alkoholon, almenaŭ dum la tagoj de la kunveno.

La prezoj por transnoktado kaj manĝaĵoj estas tre malaltaj.

---

**Vegetaraj kaj parencaj eldonaĵoj.**

**Health Culture**, redaktanto D-ro med. Elmer Lee, 1133 Broadway, Novjorko, Usono. Eldonisto Harold Wells Turner. Anglalingva, monata; jarabono 2 dol. Tre riĉenhava revuo vegetarana kaj vivreforma.

**Natürlichere Heilmethoden!** (Pli naturaj kuracmetodoj), organo germanlingva por praktika higieno, kuracado per akvo, lumo kaj varmo. Eldonejo Vieno I, Bauernmarkt 11, Aŭstrujo.

**Vegetarianski Pregled** (Vegetara Revuo), Sofio, Bulgarujo, Strato 6 septemvri 3. Tiu ĉi bonega nacilingva organo troviĝas denove sub la redaktado de nia konata samideano Janko Todorov.

**Vegetarisk Tidsskrift**, la organo de niaj danaj samcelanoj, sub redaktado de niaj samideanoj Oluf Egerod kaj Wilh. Date, Kronprinsensgade 1, Kopenhago K, Danujo, enhavas tradukojn el nia organo kaj portas ĉiufoje ankaŭ teksteton en Esperanto.

**Die Lebensreform.** La redaktanto de tiu ĉi germanlingva vegetara revuo, Paul Fr. Lorenz, Freiburg, Baden, Germanujo, kreis specialan fakon por faciligi al gevegetaranoj, kiuj deziras geedziĝi, la interkoniĝon. La demando de la vivakompananto estas por vegetaranoj speciale grava, kaj tial tiu ĉi iniciato estas salutinda kaj meritas apogon kaj diskonigon.

**Pri la nova germana leĝo** por batalo kontraŭ seksmalsanoj, kiu metas la publikon en absolutan sklavecon sub la patentita medicinpraktikantoj kaj la ĉionreganta kapitalo de kuracilfabrikistoj, aperis multaj flugfolioj kaj interalie broŝuro:

**Sittenkontrolle,** Krankenzuchthaus, Vergewaltigung (morkontrolo, punmalliberejo por malsanuloj, korpperforto) ĉe eldonejo Volksheil-Verlag, Berlino S. W. 11, Königgrätzerstr. 40—41.

**Ĉu popolarmeo estas ŝirmo kontraŭ militarismo?** Germanlingva broŝuro kontraŭ la ideo de popolarmeoj, kiuj estas nur kaŝita provo por revivigi militarismon en plej danĝera formo tie, kie politikaj kondiĉoj malhelpas ankoraŭ malkaŝan militarismon. Eld. D-ro Arnold Kalisch, Berlino C. 54, Gipsstr. 16. Bonega broŝuro.

**Tier und Mensch** (Besto kaj Homo), organo de la internacia unuiĝo kontraŭ vivisekcado kaj de la Unuiĝo de Kontraŭvivisekcaj Kuracistoj. Germanlingva. Adreso Dresdeno, Serrestr. 12, Germanujo.

**Rational Living,** Novjorko, Usono, Box 2, Station M. Post paŭzo denove aperis numero de tiu ĉi valorega anglalingva revuo.

**Der Niedergang der Menschheit** (La degenero de la homaro), de biologo Maurice Physis, germanigita de D. B. Fischer, eldonejo Walter Sommer, Hamburgo 1, Schultzweg 7, Germanujo. Prezo broŝurite g. Rm. 1.50, bindite 2,60. Por vegetarismo, speciale krudmanĝado, kontraŭ alkoholo kaj aliaj kulturvenenoj.

---

### Esperantaj Eldonaĵoj.

**Jarlibro de la Lingva Komitato** kaj de ĝia Akademio. Esperantista Centra Librejo 51 rue de Clichy, Parizo; prezo 2 ffr. Sur aldonita folio la prezidanto Cart rec diskonigas la oficialan kaj nepre atentindan sistemon pri nomoj de landoj.

Ripetataj estas ankaŭ la ĝeneralaj principoj por nomoj de urboj, provincoj ktp.: „Kelkaj nomoj de gravaj ĉefurboj esperantiĝis: Parizo, Ĝenevo, Kopenhago. Aliaj simple prenas la finaĵon -o: Londono, Berlino; se ne eble; senŝanĝe: Versailles, Breslau."

Tiu ĉi regulo de adaptiĝo de la gravaj geografiaj nomoj al la strukturo de nia lingvo estas nepre atentinda, se oni ne volas, ke nia lingvo estu simpla gazetjargono aŭ adreslisto. La uzo de formoj naciaj, kiel Wien, Praha, København k. c. anstataŭ Vieno, Prago, Kopenhago (la vere internaciaj formoj konformaj al la Esperanta ortografio kaj vortformo), ofte pro nura naciismo erarkomprenata, estas ridinda kaj montras nekomprenon pri Esperanto kiel literatura lingvo. Por adreslistoj la naciaj formoj (preferinde apud la Esperantaj) estas taŭgaj, sed ne por Esperantaj tekstoj.

**Das Esperanto, ein Kulturfaktor,** sepa volumo de samnoma kolekto, eldonita okaze je la deksesa germana Esperantokongreso en Kolonjo 1927. Eldonejo Ellersiek & Borel, Berlino SW. 61; germanlingva. La libro estas dediĉita speciale al la Instruo pri Esperanto. Ĝi estas instrua kaj leginda.

**Vortoj de Prof. Théophile Cart,** eldonejo „Esperantista Voĉo", Jaslo, Polujo; prezo sfr. 2,50. La recenzanto ne ricevis tiun ĉi libron por recenzo, sed tamen pro entuziasmo pri ĝia nesuperebla enhavo sentas la nepran devon, rekomendi ĝin al ĉiu ajn esperantisto kiel valoregan nepre havindan libron. Nur en la titolo li preferus la esprimon „Diroj" anstataŭ „Vortoj". Dankon al la kompilintoj Grenkamp kaj Lajarte!

**La Itala Universitato por Fremduloj** en Peruĝio (Perugia), Italujo, eldonis ilustritan Esperantan propagandfolion.

**Esperanto-Mondo,** Internacia Monata Revuo por Literaturo, Tekniko kaj Scienco; red. L. Dederichs, Hannover, Sallstr. 124, Germanujo; jarabono: simpla eldono 5 sfr., luksa 10 sfr. aŭ egalvaloro. La ekstera formo imitas „Esperanton" de Ĝenevo. La recenzanto ne vidas la neceson de tia nova gazeto. Oni apogu prefere la jam ekzistantajn kaj la fakajn gazetojn! La enhavo estas bona.

**La Individualisma Socialismo de D-ro Proschowsky,** broŝureto de Félix Lagalaure, tradukita de Liber. Eldonita de Rasa Virina Klubo, 1-bis, Rue Coutures Saint-Gervais, Parizo 3, Francujo. Traktas pri la vivo de pioniro, kiu batalis sur multaj kampoj, speciale sur tiu de la forigo de prostitucio kaj tiu de la socialismo. La broŝuron akompanas alvoko de Internacia Asocio Biokosma, adreso F. Monier, Chemin de la Vallée aux Loups, Chatenay-Malabry (Seine) Francujo. Sur la broŝuro ni trovas anoncojn pri vegetaraj manĝejoj.

**Esperanto-Junularo,** eldonanto instruisto A. Neupert, Wedellstr. 17, Lipsio N. 23, Germanujo. La organizo, kies organo estas tiu ĉi revuo, havas nun fakojn vegetaran kaj kontraŭvivisekcan, ambaŭ sub la gvido de Goodall, 8 Aberdeen Court, Highbury, Londono N. 5, Angl.

**Esperanto-Praktiko,** eldonata nun de Rudolf Mosse, Berlino SW. 19, Jerusalemer Str. 46—49, Germanujo, enhavas en la sekcio „Liberaj Horoj" de la julia numero artikolojn, kiuj povas ĝojigi nin: Arbara Kuracloko, de Jordan Kovaĉev; Karcinomo, de D-ro Winkel, Lups de Manfred Kyber. Laŭlingve tre bona gazeto!

**Milionoj, kiuj nun vivas, neniam mortos!** Broŝuro eldonita de bibliosocieto „Garda Turo", Esperanta Fako, Baden, Argovio, Svisujo, poŝtkesto 15 988. Prezo sfr. 0,60 aŭ du respondkuponoj.

**Enkondukilo** en la fundamentajn regulojn de Esperanto. Broŝureto en la formato de la „ŝlosiloj". Trafaj ekzemploj, per kiuj la lernanto lernas la elementojn de la lingvo. Kun blankaj paĝoj por nacilingvaj memornotoj. Prezo 2 ekz. 1 respondkupono, 10 ekz. 4 rspdk., 50 ekz. 16 rspdk. Eldonejo Esperanto-Junularo, A. Neupert, Wedellstr. 17, Lipsio N. 23, Germanujo.

**Arbeiter-Illustrierte Zeitung** (Laborista Ilustrita Gazeto), eldonanto Willi Münzenberg, Berlino W. 8, Wilhelmstr. 48, semajna bildrevuo, havas apud la germana teksto sub la bildoj „El la tuta mondo" Esperantan tekston.

**Verda Kruco,** internaciaj folioj por sentabaka kulturo. Eld. Esperantista Tabakkontraŭula Asocio, Vieno I, Judenplatz 2, Aŭstrujo. Ĉiu numero Sm. 0.05.

**Mondmigradmovado.** Otto Gelderblom, Bergedorf apud Hamburgo, Germanujo, iniciatis movadon por koloniigo de terenoj (terpecoj) en la tuta mondo kaj eldonis „Ita-ĉekojn", t. e. ĉekojn por Internacia Teren-Akiro, kun teksto en Esperanto kaj angla lingvo. Ni ne konas la financajn kaj realajn bazojn de la movado, kaj kiu interesiĝas pri ĝi, turniĝu al la ĉi-supra adreso. Estas dezirinde, ke Esperantaj propagandiloj pri tiaj aferoj aperu en pli pura kaj korekta lingvo. Al demandoj oni aldonu respondkuponojn.

**NOTU LA NOVAN ADRESON DE VEGETARANO!**

---

Oni povas facile babili pri paco kaj interna ideo. La kadavromanĝantaj anoj de la blanka raso similas intelektan luparon, manĝante la karnon de siaj pli junaj fratoj. Estas fakte neeble, efektivigi „pacon" inter homaj bestoj.

Emil Mai.

**Respondoj, Informetoj, Deziroj.**

**Kelkaj demandintoj.** Antaŭaj jarkolektoj kaj numeroj ne estas plu haveblaj. Nur de „Vegetarano" de aprilo 1927-a restas ankoraŭ disponeblaj numeroj.

**Sovjetunio.** Dum longa tempo la redaktanto ne ricevis sciigojn de nia landa sekretario. Se iu scias ion pri li, oni bonvolu raporti al la redaktanto.

**Prokrasto.** Tiu ĉi numero suferis bedaŭrindan prokraston. Ĉefa kaŭzo estis la translogo de la redaktanto. Kiam fine li pretigis la manuskripton, li ne povis ricevi ĝin antaŭ sia libertempa forvojaĝo. Bonvolu do pardoni la malfruon pro specialaj cirkonstancoj!

**La redaktanto** ne povas individue respondi al ĉiu letero kaj poŝtkarto ricevita. Oni ne demandu pri regularo de V. L. E.; ĉar ĉiu numero de „Vegetarano" enhavas ĉi-rilatajn informojn.

**Pri kuracsciencaj demandoj** la redaktanto ne povas doni ian ajn respondon. Li kaj lia edzino estas de deknaŭ jaroj vegetaranoj, sed laŭ etikaj kaj estetikaj motivoj; li opinias, ke la kredo je vegetarismo estas io tute persona kaj ke por vegetaranoj, kiuj pro ĝenerala vidmaniero sekvas nian reĝimon, la mondo ne havus sencon, se oni ne povus vivi en ĝi laŭ niaj ideoj. Kompreneble oni povas iri nur paŝon post paŝo, kaj tial neniu el ni povas diri, ke li estas „perfekta" vegetarano, kaj fieri pri siaj principoj aŭ pri sia vivmaniero. Temas ĉi tie pri interna leĝo, kiun oni eble pli multe sentas ol pensas.

Estus, aliflanke, tre bone, se iu sperta samideano, kiel ekzemple Doktoro Winsch, prenus sur sin la taskon, esti kuracscienca kunlaboranto en nia internacia V. L. E. kaj ĝia organo. Kiu havas kapablon por tio, bonvolu ĝin meti al nia dispono.

**Lingvo:** Nia organo havas la ambicion, esti pure fundamenta, kaj la redaktanto konsideras kiel devon de ĉiu redaktanto, kontroli kaj korekti laŭ tiu ĉi direkto artikolojn ricevitajn. La estonaj samideanoj proponas en sia organo la novan radikon „garo" (laŭ latva lingvo) por esprimi la banvaporon. Ili plue uzas por la radiko „fin-" en Finlando ktp. la radikon „suom-", kiun la redaktanto de Vegetarano jam proponis antaŭ dudeko da jaroj.

Preseraroj bedaŭrinde ankaŭ en nia organo ne estas absolute eviteblaj. Oni ne postulu tiurilate pli multe, ol oni postulas de naciilingvaj organoj.

---

**Kvitancoj.**

La kasisto de la **Vegetara Ligo Esperantista** kun danko kvitancas pri jenaj kotizoj aŭ donacoj ricevitaj post la kvitanco en „Vegetarano" X/2: Hendricx-Colijn bfr. 20.—, Schmidt RM. 2.—, Pomona nfl. 5.—, Boon nfl. 2.—, Arriëns nfl. 2.—, Dorošenko dol. 1.—, Kusnir dol. 1.—, Merrick, Moscheles, Skeen, Jones, Atherton, Nowell ĉiu ŝil. 3.—, Christaller RM. 3.—, Wickham sfr. 12.—, Suard sfr. 20.—, Jacob sfr. 20.—, Royer sfr. 40.—, Butkus, Duda, Jeĉius ĉiu Lid. 8.—, Bow ŝil. 3.—, Alseika RM. 15.—, Barkauskis RM. 3.—, Dopp RM. 4.—, Mikŝan RM. 3.09. Brenander skr. 5.—, sfr. 1.30, Strachovský kč. 25.—.

---

La „homfratoj" kaŭzas ĉiutage pograndan buĉadon por siaj stomakoj kaj postulas krom la manĝado la „pacon", por ke la digestado de la abomena stomakenhavo pli bone sukcesu. Al vera pacemo de rabobestoj mi ne kredas.

Emil Mai.

**La Amo al Homaro.**

Pri amo al homaro
parolas li sen fin';
amikoj, parencaro,
ho, ĉiam aŭdas ĝin.

La amon al homaro
li sentas en la kor';
sed amo al najbaro
tre ofte estas for.

Pri amo al homaro
kortuŝe kantas li;
sed helpi per la faro
li lasas nur al Di'.

Pro amo al homaro
al hejm' ne pensas li.
Laboras por frataro,
suferas famili'.

Catharina Roskes-Dirksen.

---

**Organizo.**

Simile, kiel en Esperantujo ni havas du ĉefajn organizojn apudajn: **UEA**, kiu havas individuajn membrojn kaj interrilatigas la Esperantan popolon, kaj **KR** (Konstanta Reprezentantaro), kiu konsistas el la delegitaro de la naciaj organizoj, mi celas, ke en la vegetarana mondo ni havu tiujn du ĉefajn organizojn:

VLE kun individuaj anoj persone interrilatantaj,

IVU kun landaj asocioj kiel anoj.

Estas bone, ke jam ambaŭ tiuj organizoj oficiale uzas Esperanton. VLE jam estas esence esperantista, kaj IVU adoptis oficiale Esperanton, por eliri el la embaraso de multlingveco.

O. B.

---

La duonkanibaloj (Eŭropanoj k. a.) ŝatas ebriiĝon kaj fumadon.

Emil Mai.

---

**Internacia Vegetara Unio. / The International Vegetarian Union.**
**Union Internationale Végétarienne. / Internat. Vegetarische Union.**
**Sekr.: Oluf Egerod, Rődkildevej 40, Brőnshőj apud Kopenhago, Danujo.**

## Oka Bulteno.

### Resumigita Regularo de la Internacia Vegetara Unio (I. V. U.).

1. I. V. U. estis fondata en la jaro 1908-a laŭ iniciato de D-ro G. Danjou el Nice, Francujo.

2. I. V. U. okupiĝas pri ĉiuj internaciaj demandoj, kiuj interesas la membrojn de la societoj aliĝintaj al ĝi. I. V. U. klopodas havigi al siaj membroj la plej bonajn rimedojn, por propagandi la vegetarajn ideojn en la tuta mondo. Tiucele ĝi aranĝas internaciajn kongresojn.

3. I. V. U. konsistas el ĉiuj membroj de la societoj aniĝintaj al ĝi. Iu ajn nacia vegetara aŭ nutroreforma societo povas fariĝi ano de I. V. U., se ĝi apogas vegetarismon kaj ĝiaj administrantoj estas vegetaranoj, t. e. personoj, kiuj rifuzas la uzon de ia ajn besta viando por nutrajo.

Anoj de I. V. U. devas plenumi sian financan devon laŭ § 5. Nepagado de kotizo dum tri intersekvaj jaroj nuligos la anecon.

4. I. V. U. estas administrata de internacia komitato konsistanta el unu membro el ĉiu nacio oficiale reprezentata. La oficistoj de I. V. U., elektitaj el tiu komitato, estas: unu prezidanto, unu sekretario kaj unu kasisto. Prezidanto estas tiu komitatano, kiu reprezentas la landon, en kiu okazos la sekvanta kongreso. Li oficas ĝis la elekto de sia posteulo, al kiu li transdonas sian oficon. La aliaj du oficistoj estas elektataj de la komitato por la sama periodo. La komitatanoj estas elektataj de la landoj de ili reprezentataj, kaj ilia delegiteco daŭras ĝis la fino de ĉiu kongreso. Komitatanoj, sekretario kaj kasisto estas reelekteblaj.

5. La kapitalo de I. V. U. venas el jenaj fontoj:

a) Ĉiu aniĝinta societo pagas ĉiujare 1% el la ricevitaj kotizoj de ĝiaj membroj. Tiu pago estas sendota al la kasisto dum la unua jarkvarono.

b) Se iu societo ne estas kapabla, pagi la ŝuldaĵon, ĝi informos pri tio kaj pri la motivoj la prezidanton de I. V. U. antaŭ la 1. oktobro, petante prokraston aŭ malpliigon, kaj la komitato decidos.

c) Donacoj kaj kotizoj de interesuloj.

La kapitalo de I. V. U. devas esti deponata ĉe banko aprobita de la komitato. La komitato povas decidi pri la uzo de la mono.

8. Kongreso okazos ĉiun trian jaron escepte en okazoj de eksterordinara malhelpo.

9. Oficialaj lingvoj: Esperanto, angla, franca, germana, kaj dum la kongresoj la oficiala lingvo de la lando, en kiu la kongreso okazas.

## Eighth Bulletin.

### Extract of the Rules of the International Vegetarian Union (I. V. U.).

1. I. V. U. was founded in 1908 upon the initiative of Dr. G. Danjou, Nice, France.

2. I. V. U. deals with all international questions which may interest the members of the societies belonging to I. V. U. It will endeavour to offer its members the best means of spreading vegetarian ideas throughout the whole world. To this end international congresses are organized.

3. I. V. U. consists of all the members of the societies which are members of the Union. Any national or food-reform society shall be eligible for membership, if its executive power is vested in its vegetarian members, i. e. those who abstain from fish, meat and fowl as food.

Members of the I. V. U. must comply with rule 5. Non-payment of membership fees for three consecutive years will cancel membership.

4. I. V. U. is administered by an international Committee composed of one member for each nation officially represented. The officers of I. V. U., elected from this Committee, are: one president, one secretary and one treasurer. President is that member of the Committee who represents the country in which the next congress takes place. His term of office ceases as soon as his successor is appointed. Secretary and Treasurer are appointed by the Committee for the same period. The members of the Committee are elected by the countries represented by them. Members of the Committee, Secretary and Treasurer are reeligible.

5. The funds of I. V. U. are derived from the following sources:

a) Every society which is member pays annually 1% of the total fees paid by its members. This payment is sent to the Treasurer of I. V. U. during the first quarter of the year.

b) Should any society be unable to pay, a reduction or a procrastination must be applied for before October 1-st, duly justified. The Committee will then decide.

c) Gifts and subscriptions from persons interested in the movement.

The funds of I. V. U. must be placed in a bank approved by the Committee. The Committee may decide about the use of the money.

8. A congress is to be held every three years, except when it is prohibited by extraordinary circumstances.

9. Official languages: Esperanto, English, French, German and during the congresses the official language of the country in which the congress takes place.

---

Lären Eder Esperanto! Learn Esperanto! Lernt Esperanto! Aprended el Esperanto!

## Huitième Bulletin.

### Abrégé du Statut de l' Union Internationale Végétarienne.

1. L'Union Internationale Végétarienne, nommée ci-après I. V. U., fut fondée en 1908 sur l'initiative du Docteur Danjou de Nice.

2. L'I. V. U. s'occupe de toutes les demandes internationales qui peuvent intéresser les membres des sociétés adhérentes. I. V. U. s'efforcera de procurer à ses membres les meilleurs moyens pour répandre le végétarisme dans le monde entier. A ce but elle arrange des congrès internationaux.

3. L'I. V. U. consiste de tous les membres des sociétés adhérentes. N'importe quelle société végétarienne ou de réforme alimentaire peut se faire membre de l'I. V. U. pourvu qu'elle appuie le végétarisme et que ses administrateurs soient des végétariens, c. à. d. des personnes qui refusent la chair animale pour la nutrition.

Les membres de l'I. V. U. doivent remplir les devoirs financiers suivant l'article 5. Le manque de paiement de la cotisation pendant trois années consécutives annulera l'adhérence.

4. L'administration de l'I. V. U. se trouve dans les mains d'un comité international qui consiste d'un membre de chacune des nations représentées officiellement. Le bureau de l'I. V. U., choisi parmi les membres du comité comprend un président, un sécrétaire et un trésorier. Le président sera celui des membres du comité qui représente le pays où aura lieu le prochain congrès. La durée de ses fonctions expire au moment de la désignation officielle de son successeur auquel il transmet ses pouvoirs. Les deux autres membres du bureau sont nommés par le comité pour la même période. Les membres du comité sont élus par les pays qu'ils représentent et leurs fonctions durent jusqu'à la fin de chaque congrès. Les membres du comité, le sécrétaire et le trésorier sont réélégibles.

5. Le capital de l'I. V. U. a les ressources suivantes:

a) chaque société-membre paie annuellement 1% de ses revenus par les cotisations des membres. Ce paiement doit être remis au trésorier pendant le premier trimestre.

b) si une société ne peut pas remplir ses devoirs financiers, elle en informera le président de l'I. V. U. allégant les motifs, avant le 1er octobre. Elle demandera une demeure pour ses paiements, et le comité décidera.

c) les dons et subventions de personnes intéressées.

Le capital de l'I. V. U. doit être déposé dans une banque approuvée par le comité. Le comité peut décider sur l'emploi des fonds.

8. Des congrès auront lieu tous les trois ans sauf en cas d'empêchements extraordinaires.

9. Langues officielles: Espéranto, anglais, français et allemand et, pendant les congrès, la langue du pays où le congrès a lieu.

---

Imparate l'Esperanto! Apprenez l'Espéranto!

## Achtes Rundschreiben.

### Auszug aus der Satzung der Internationalen Vegetarier-Union.

1. Die I. V. U. wurde im Jahre 1908 auf Anregung des Dr. Danjou, Nizza, Frankreich, gegründet.

2. I. V. U. beschäftigt sich mit allen internationalen Fragen, die die Mitglieder der ihr angeschlossenen Vereine interessieren. Sie ist bestrebt, ihren Mitgliedern die besten Wege zu zeigen, um den Vegetarismus in der ganzen Welt zu verbreiten. Zu diesem Zweck hält sie internationale Kongresse ab.

3. I. V. U. setzt sich aus allen Mitgliedern der dem internationalen Verband angeschlossenen Landesorganisationen zusammen. Jede vegetarische oder lebensreformerische Vereinigung kann Mitglied der I. V. U. werden, vorausgesetzt, daß die Führung der Vereinigung in Händen von Vegetariern ruht, d. h. von Personen, die Tierfleisch in jeder Form als Nahrung verweigern.

Die der I. V. U. angeschlossenen Vereine müssen ihre geldlichen Verpflichtungen der I. V. U. gegenüber erfüllen (§ 5); durch Nichtzahlung des Beitrages während dreier aufeinanderfolgender Jahre erlischt die Mitgliedschaft.

4. Die Leitung der I. V. U. liegt in den Händen eines internationalen Ausschusses, der sich aus je einem Mitglied der amtlich vertretenen Nationen zusammensetzt. Der Vorstand, aus den Ausschußmitgliedern erwählt, besteht aus einem Vorsitzenden, einem Schriftführer und einem Kassenwart. Vorsitzender ist dasjenige Ausschußmitglied, welches das Land vertritt, in dem der nächste Kongreß stattfindet. Sein Amt erlischt im Augenblick der Erwählung seines Nachfolgers, dem er seine Befugnisse abtritt. Die zwei anderen Vorstandsmitglieder werden für die gleiche Amtsdauer vom Ausschuß ernannt. Die Ausschußmitglieder werden durch die von ihnen vertretenen Länder gewählt und bleiben bis zum Schluß jedes Kongresses im Amt. Die Ausschußmitglieder, der Schriftführer und der Kassenwart sind wiederwählbar.

5. Die Geldmittel der I. V. U. fließen aus folgenden Quellen:

a) jede als Mitglied angeschlossene Vereinigung zahlt jährlich 1% ihrer Einkünfte aus Mitgliedsbeiträgen. Diese Zahlung muß dem Kassenwart während des ersten Vierteljahres zugehen.

b) Kann eine Vereinigung ihre geldlichen Verpflichtungen nicht erfüllen, so setzt sie hiervon unter Angabe der Gründe den Vorsitzenden der I. V. U. vor dem 1. Oktober in Kenntnis. Sie erbittet einen Zahlungsaufschub, und der Ausschuß entscheidet darüber.

c) Freiwillige Beiträge oder Geschenke von Gesinnungsfreunden.

Das Vermögen der I. V. U. muß bei einer Bank hinterlegt werden, die vom Ausschuß gutgeheißen ist. Der Ausschuß kann über die Verwendung der Gelder bestimmen.

8. Kongresse werden alle drei Jahre abgehalten, abgesehen von Fällen besonderer Behinderung.

9. Amtliche Sprachen: Esperanto, Deutsch, Französisch, Englisch und, während der Kongresse, die Sprache des Landes, in dem der Kongreß stattfindet.

Presejo: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln.